# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
11-a jaro N-ro 2 (41) junio 2012


**Kovrilfoto: Ŝenjanga Monda Ekspozicio en Ĉinio**

NOVAĴO

## La legantoj de IĜU jam en 125 landoj

Post findissendo de la 40-a numero de Informilo de Ĝemelaj Urboj (IĜU) mi renove faris statistikon al landoj de legantoj kaj pluan konfirmon al kelkaj landoj. La rezulto estas neatendita ! Ĉar la respondoj el tiuj landoj Burkina Faso, Maroko, Samoo ktp, landoj de legantoj atingas 125! Tre hazarda numero! Ĝi havas la saman nombron al la 125-a datreveno de Esperanto okazonta en julio. Tamen mi bone scias ke tio vere rezultas el subteno de esperantistoj. Ĉi tie mi esprimas korajn dankojn al esperantistoj, ankaŭ al tiuj samideanoj kiuj kaptis tempon respondi la konfirmon.

La redaktoro

## Trista kondolenco de la komisiito al s-ro Eŭgeno Serg. Perevertajlo



Elstara uzbekia esperantisto, brila E-pedagogo, dojeno de la mezazia E-movado, multjara delegito de UEA en Taŝkento, subtenanto de la projekto "Ĝemelaj Urboj", s-ro Eŭgeno Serg Perevertajlo, forpasis en la 27-a de februaro 2012.

S-ro Eŭgeno Serg. Perevertajlo naskiĝis en 1938. La du originalaj lernolibroj "Invito al Esperanto" kaj "Lernolibro kun ekzercoj" estas la plej bonaj pruvoj al lia kontribuo de pli ol duonjarcento al la granda Esperanto-afero.

S-ro Eŭgeno Serg. Perevertajlo forte subtenis Esperanto-aplikon en agado de ĝemelaj urboj. Frue en junio de 2001, t.e. antaŭ starigo de la projekto Ĝemelaj Urboj en 2002, li skribis al mi: "Estimata s-ano Wu Guojiang, mi kun plezuro kaj atento legis vian mesaĝon pri ĝemelaj urboj. Mi povas diri, ke viaj pensoj pri agado de esperantistoj estas miaj pensoj. Tio estas praktika realigo de eblecoj de Esperanto en la servo de vera interkompreno kaj paco. Esperantistoj de ĝemelaj urboj estas pli feliĉaj, ĉar ili povas rilati inter si senpere, sen tradukistoj, per la komuna lingvo."

En 2002 en respondo al la mesaĝo de s-ro Roland (t.e. s-ro Roland Schnell el la Esperanto-Ligo Berlin en Germanio) li skribis: "Mi ricevis peton de komisiito de UEA kaj pensas, ke vi prezentu al li viajn ideojn kaj dezirojn pri ĝemeliĝo, precipe kun Berlin... Mi ĉiam feliĉas, kiam Esperanto servas ankaŭ por la neesperantamovadaj aferoj."

En oktobro de 2006 leginte novaĵon ke naskiĝis la nova estraro de LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio), li skribis: "tiu ĉi estraro plenumos la taskojn, kiuj evoluigos la aplikadon de Esperanto ankaŭ ekstermovade. Se Esperanto donas iun utilon, ĝin nepre atentos la publiko. La ĝemelurba movado estas tre utila por la pliproksimiĝo kaj amikeco inter malproksimaj urboj, personoj,asocioj."

En septembro de 2011 reage al nova retejo por Berlin kaj Brandenburgio (Germanio) aperinta en la listo< lokaj-esperanto-grupoj> ĉe Yahoogroups.com li skribis: "Se vi, kara Roland volas vere kunlabori kun la homoj, loĝantoj de ĝemelurboj de Berlino, skribu al ties urbodomoj, urbestraro, sendu viajn proponojn tien. Se la administristoj respondos al vi pozitive kaj konsentos kunlabori kun vi (via teamo), komencu kunlabori. Iom poste proponu al la administristoj lerni Esperanton por uzi ĝin en via kunlaboro. Klarigu al ili, ke Esperanto estas komforta lingvo. Klarigu, ke angla kaj aliaj lingvoj estas tre malfacilaj por lerni kaj uzi ĝin, fakte tiuj lingvoj estas praktike neellerneblaj. Eble (certe) ili lernos Esperanton, ĉar ili estas praktikemaj homoj. Se vi, kara Roland, volas, ke Esperanto estu uzata, turnu vin al la praktikemaj, aktivaj homoj. La nunaj esperantistoj preferas komforte sidi en sia varma, senventa marĉo."

Legante tiujn vortojn mi sentas ke s-ro Eŭgeno Serg. Perevertajlo ne foriris, li vivas ankoraŭ, kaj vivos en la koroj de la tutmondaj esperantistoj eterne.

La forpaso de s-ro Eŭgeno Serg Perevertajlo estas granda perdo ne nur por lia familio, sed ankaŭ por la uzbekistana kaj monda Esperanto-movado, precipe por la projekto "Ĝemelaj Urboj".

Pacon, s-ro Eugeno Serg. Perevertajlo.

Post la jubileo

## UEA reliefigis la jubileon en siaj gazetaroj

En la aprila numero de Esperanto aperis artikolon de la komisiito “La projekto Ĝemelaj Urboj 10- jariĝis”, en la junia numero agado de ĝemelurboj estis unuafoje resumita kiel aparta sekcio de la estrara raporto por 2011. N-ro 451 Gazetaraj Komunikoj kun la ĉefa enhavo “Ĝemelurba agado de UEA 10-jariĝis” dissendiĝis al la membroj. La teksto pri la projekto Ĝemelaj Urboj estis legata sur la paĝo 24 de Jarlibro 2012. Krome la eksa vicprezidanto Baldur Ragnarsson aparte sendis salutan mesaĝon.

## Salutvortoj de Baldur Ragnarsson



Estimata samideano Wu Guojiang, mi kore dankas al vi pro via letero kaj la bela nova numero de la informilo pri Ĝemelaj urboj. Same mi dankas antaŭajn viajn leterojn kaj informojn, kiujn vi sendis al mi. Bedaŭrinde mi ne plu havas la energion por tiel multe okupi min pri movadaj aferoj kiel antaŭe, kiam mi funkciis kiel estrarano pri kulturo ĉe UEA. Sed mi nepre volas esprimi mian admiron pri via sindona agado por la valora projekto de Ĝemelaj urboj, pri kiu mi konstatas, ke ĝi jam bone prosperas.

Mi, jam 82-jara, daŭrigas mian verkadon en Esperanto, ĉefe poezion. Se vi scivolas pri mia verkado vi povas trovi informojn ĉe Originala Literaturo Esperanta kaj Akademio Literatura de Esperanto.

Mi sendas al vi miajn varmajn salutojn el malvarma Islando kaj sincerajn bondezirojn en via grava laboro.

## Takso de Dennis Keefe al la projekto Ĝemelaj Urboj




S-ro Dennis Keefe el Usono, la inventinto de la Lingvaj Festivaloj. Kreinto de BEK-kurso, iniciatinto de la Esperanto-Insulo, la Esperantisto de la Jaro 2011, taksis la laboron de la projekto.

Espriminte varman gratulon al sinjoro Wu Guojiang kaj ĉiuj kiuj dum jaroj partoprenis en la esperantaj interŝanĝoj inter urboj pro DEK jaroj kaj KVARDEK numeroj de IĜU en la 31-a de marto en la ĉina reta Verda Forumo li havis taksojn al la projekto en sia mesaĝo aperinta en la listo <uea-membroj> ĉe yahoogroups.com, kun temo “Bona Kutimo por Interna Informado, Voje al la Biblioteko de Esperanto”. Je organizo de la retmaterialoj li substrekis ke oni sekvu la bonan kutimon de la projekto Ĝemelaj Urboj, ke oni povas trovi la tutan kolekton de ĝia IĜU en la lasta jardeko en retejoj kiel Robert Bogenschneider plenumas kaj indikas la ĝustan, rapide alireblan fonton. Ankaŭ li alvokis ke ekde nun oni komencu starigon de Biblioteko de Esperanto por komune ĝui la internan informadon.

## Detala elsendo pri n-ro 40 IĜU en Neubrandenburg-radio

Ekde 2003 ekzistas la germanlingva elsendo pri Esperanto en la Neubrandenburg-radio de Germanio. La tripersona Esperanto-redakcio “Ondo Esperanto; Esperanto-Welle” konsista el s-ro Werner Lewien, s-ro Werner Pfennig kaj s-ro René Philipp servas al tiu temo. La originaj elsendoj okazas ĉiun unuan ĵaudon de monato.La elsendoj estas elŝuteblaj en la retejo www.esperanto-nb.de. La redakcio havas sian ĉefan paĝon www.nb-radiotreff.de kaj apartan paĝon www.ondo-esperanto.de.

En la 18-a de aprilo, je 16.00 -17.00 horoj , la radio elsendis n-ron 40 Informilo de Ĝemelaj Urboj, kaj ripetis je la 21a de aprilo, 11.00-12.00 horoj.

Laŭ raporto de Werner Pfennig

## Voĉoj el ili

### Ĉinio

**Ĉina Interreta Informa Centro** (http://esperanto.china.org.cn) reaperigis la tutan tekston de la revuo Esperanto pri la artikolo "La projekto Ĝemelaj Urboj 10- jariĝis"

**S-ino Meng Lijun**: s-ro Wu, sinceran dankon pro via donaco al mi! Estas tre mirinde por mi ricevi tiun donacon. Vi multe kontribuis, kontribuas, ankoraŭ kontribuos por nia kara lingvo. Saluton al vi! Ĉi tiu gazeto estas tre utila por esperantistoj. Viaj agoj estas tre valoraj. Koran dankon pro viaj bonagadoj!

### Germanio

**S-ro Werner Pfennig**: Tre estimata Wu, kun ĝojo, intereso kaj granda estimo mi legis vian jubilean eldonon de tiu informilo. Per via senlaca, lerta agado vi grave kontribuas al la informado pri praktika uzo de nia internacia lingvo. En nia loka radio Neubrandenburg-radio ni detale informos pri via 40-a Informilo, kaj provas saluti vin tiam Esperantlingve. Tre kore salutas.

**S-ino Irina**: Koran dankon pro la ĵurnalo ,ni en Berlino legas, printas kaj ŝatas vian ĵurnalon. Ekde kelkaj jaroj ni proponas ĝemeliĝon inter la bezirko Lichtenberg de Berlino, kun Zamenhofparko kaj Esperanto-domo (Einbeckerstr 36), kaj Bijalistoko. Vice-urbestro de Bjalistoko persone dankis la estrinon de la bezirko pro apero de Zamenhofparko. Mi elkore GRATULAS VIN PRI VIA UTILA LABORO kaj la jubileo, tio estas ja celo de Esperanto amikigi homojn , urbojn kaj la mondon! Koran dankon ankoraŭ foje! Ĝis kaj plu sukcesan agadon!

### Kongo (DEM. RESP.)

**Konga Esperanta Virina Asocio (KEVA)**: Estimata s-ino Wu, ni gratulas vin pro la bela projekto de Ĝemelaj urboj. Tio estas tre bone, ĉar sur la informilo oni trovas preskaŭ la gravulojn el UEA; kaj ĉiuj, kiuj lernas Esperanton, povu ilin malkovri sur tia paĝo, do sukceson al vi.

### Rumanio

S-ino Jolanda Jozsi, prezidanto de Internacia E.Kultur-Turismo,Infoespertur, Internacia E.Klubo "Amikeco", el urbo granda Brasov: Estimata samideano! Koran dankon pro via anonco, ricevo de 40-a Informilo pri Ĝemelaj Urboj. Gratulon pro tio por vi, por ĉiuj! Antaŭen! Kun intereso mi tralegos ĝin, kompreneble, akceptante novaĵojn ĉiam. Sukceson dezirante al vi!!

### Aliaj reagoj

La bondezirojn al la projekto esprimas ankaŭ tiuj samideanoj: Susanna Baghdasaryan el Armenio, Sona Mary Ribeiro el Brazilo, Huang Yinbao, Mao Hanchun, Xia Rongqiang el Ĉinio, Joël Lajus el Francio, Seyed Fazel Teymuri el Irano, Zlatko Hinšt el Kroatio, Eduardo Robert el Kubo, Bharat Kumar Ghimire el Nepalo, Illias Boukar Ali el Niĝero, Gerrit Berveling, Romana Ruig de Vries el Nederlando, Bogusław Sobol el Pollando.

## URBESTRO KAJ ESPERANTO

### La urbestro ĉeestis la festkunvenon de la Esperanto-Lingvoklubo

La 21-an de aprilo 2012 okazis la festkunveno por la 40-a datreveno de la Esperanto-Lingvoklubo de Pfaffenhofen en Germanio. Ĝin ĉeestis pli ol 30 personoj, inkluzive la junan urbestron Thomas Herker, urbkonsiliston Helmut Stadler, prezidanton de Bavara Esperanto-Ligo (BELO) Bernd Krause, kaj plurajn

aliajn reprezentantojn de bavaraj Esperanto- kluboj.



La kunveno festis aliajn du jubileojn. Esperanto mem en ĉi tiu jaro precize 125 jarojn aĝas, s-ro Franz Knöferl estras la klubon preskaŭ precize 30 jarojn.

S-ro Franz Knöferl, salutis la ĉeestantojn, faris prelegeton pri la emocia rolo, kiun komuna neŭtrala lingvo kiel Esperanto povus ludi en Eŭropo, per gazetartikoloj kaj filmkontribuoj prezentis la 40 jaran historion de la klubo.

S-ro Thomas Herker prezentis sin al la partoprenantoj per korekta Esperanto. En la pasinta decembro li prezentis sian urbeton en la internacia lingvo Esperanto okaze de premiigo al la plej vivinda urbeto de la mondo. S-ro Helmut Stadler rememorigis pri eksterlandaj gastoj de la Esperanto- klubo, kun kiuj li dum la pasintaj 40 jaroj mem konatiĝis kaj prizorgis kaj al kiuj li ankoraŭ daŭrigadas kontaktojn.

S-ro Franz Knöferl en sia prelego emfazis ke Komuna lingvo estas apud komuna historio, valorsistemo, mondpercepto, flago kaj himno decida kaj nemalhavebla kriterio por la komunsento de la eŭropanoj,tiel Knöferl. Per enkonduko de neŭtrala lingvo Eŭropo povus la propran pretendon, esti komunumo de demokrataj ŝtatoj pluevoluigi al la pretendo, esti ankaŭ komunumo de samrajtaj ŝtatoj . La rolon, kiun naciaj kaj regionaj lingvoj por la identeco de la respektivaj civitanoj ludas, tia rolo kiel identecigilo de ĉiuj eŭropanoj sendube estonte en Eŭropo akiros pli kaj pli gravan signifon. Esperanto kiel sennacieca lingvo estas preskaŭ devige predestinata tiucele,kiam ni en la Eŭropo de la estonteco ne nur volas esti laŭsente de supre manaĝata komunumo, sed esti ankaŭ de malsupre, do de la civitanoj emocie kaj komunecsente agnoskata komunumo. Tio certe havus enorman efikon al la cetera mondo. La foto montras ke s-ro Franz Knöferl (meze) enmanuigis leksikonon Esperanto - Germana al la urbestroThomas Herker (dekstre).

Laŭ raporto de s-ro Franz Knöferl

## La urbestro senvualigis la stratŝildon de la Esperanto-strato






La 3-an de junio 2012 s-ro Gérard Commailleau, urbestro de Moutiers-les-Mauxfaits en Francio, ĉeestis la inaŭguron de la Esperanto-strato, kaj senvualigis la stratŝildon kun Henri Masson, prezidanto de la departementa asocio Espéranto-Vendée. La inaŭguro arigis kelkdekon da loĝantoj de la vilaĝoparto "Hameau du Bois" kun membroj kaj simpatiantoj de la asocio.

Unue parolis s-ro Henri Masson. Li atentigis i.a. pri baldaŭa evento okazonta en la ĉefurbo de Vendeo, La Roche-sur-Yon, la 9-an de junio, t.e. la internacia KER-ekzamensesio pri Esperanto，kaj anoncis donacon, flanke de la asocio kaj de si mem, de du libroj por la municipa biblioteko : "La rue Zamenhof" (La Zamenhofa strato), de Roman Dobrzynski, kaj de "L'homme qui a défié Babel" (La homo, kiu defiis Babelon) kies kunaŭtoro li mem estas.

S-ro Commailleau siaflanke substrekis la fortan engaĝiĝon de la prezidanto de Espéranto-Vendée por la Esperanto-afero, la kongruecon de la ideo de Esperanto kun civitanaj valoroj: “Tiu nova Esperanto-kvartalo volas esti loko de sincera rilatfaciligo, de bona konkordo kaj de fratecaj rilatoj.”

Ĉeestis ankaŭ pluraj membroj de la municipa Konsilantaro, i.a la respondeculo pri kulturo, kaj la respondeculino pri la municipa biblioteko. (fotis: Anaïs Violleau kaj Henri Masson)

Henri Masson

# Hanojo, la urbo de duobla kongreso

## Urba historio



Vjetnamio situas en la orienta parto de la hindoĉina duoninsulo. Hanojo troviĝanta laŭ Ruĝa rivero estas ĝia ĉefurbo kaj havas 6500000 homojn (2009). En 866 oni konstruis citadelon. En 1010 ĝi estis ĉefurbo, kiel Thăng Long (suprenfluganta drako). En 1802 Hanojo perdis la ĉefurban statuson, sed aperis la nuna nomo "Hà Nội" (signifas "ĉe riverkurbiĝo"). Ĝi estas centro de politiko, ekonomio kaj kulturo de la lando kaj havas subtropikan klimaton.

Industrio kaj komerco estas pilieraj industrioj de Hanojo, i.a. industrio koncernas al mekaniko, kemio, tekso, sukero, cigaredo ktp. La karakterizaj stratoj montras kunekziston de moderna kaj tradicia komercoj, aliflanke ankaŭ spegulas heredon kaj evoluon de Hanojo, ekz. oni trovas ke en malnova kvartalo de 36 stratoj aĵoj vendataj estas samaj en unu strato sed malsamaj en ĉiu strato kiel la strato Hang Nuoi (salo), la strato Hang Manh (kurteno), la strato Hang Bac (arĝento) ktp. En novaj stratoj modernaj aĵoj estas vendataj, ekz. la strato HaiBa Trung por la elektronikaĵoj.

Turismo, financo kaj bankoj paŝon post paŝo okupas la gravajn lokojn en la ekonomio. Agrikulturo, kiu estis piliera industrio, estas reformata. Certas ke la vidindejoj ne mankas al miljara urbo, La lago Hoan Kiem (Lago de la Redonita Glavo), la ponto The Huc, la templo Ngoc Son, la Pagodo kun Unika Kolono, Templo de la Literaturo ktp. Esperantistoj vizitu la maŭzoleon de de Ho Chi Minh, li estis unu el nemultaj ŝtatestroj kiuj kaj lernis kaj subtenis Esperanton.

## Esperanto-movado




En 1929 kelkaj francaj esperantistoj enkondukis Esperanton en Vjetnamion, verdaj semoj ekĝermis ankaŭ en Hanojo. En 1937 tie aperis la plej frua Esperanto-organizaĵo, nome la Hindoĉina Esperanto-Asocio en 1937, poste en 1956 fondiĝis la Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio (VPEA), la nuna Vjetnama Esperanto-Asocio(VEA). Krome la urba Esperanto-klubo kaj la landa junulara organizaĵo (VEJO) ĉiam viglas tie.




Aperis nemalmultaj elstaraj esperantistoj,i.a. al ili apartenas s-ro Nguyen Van Kinh (forpasis en 1981), membro de la Centra Komitato de la Vjetnama Laborula Partio (nuna Komunista Partio), Vicestro de Partia komisiono pri Propagando kaj Edukado, eksambasadoro de Vjetnamio en Sovet-Unio. Li ne nur estas pioniero de la hanoja Esperanto-movado, sed la animo de la tutlanda movado. s-ro Nguyen Minh Kinh (1914-2002), honora membro de UEA kaj unu el la plej agemaj membroj de la Movado, eldonis la 1400-paĝan Grandan Vjetnam-Esperantan Vortaron. Ili ambaŭ estis fondintoj de VPEA.

Aparte menciindas ke tiea radio estis la unua radio en Azio kiu en Esperanto dissendis novaĵojn pri Vjetnamio. La urbo okazigis la 63-an IJK en 2007, gastigos duoblan kongreson, nome la 97-a UK kaj la 68-an IJK en ĉi-jaro.

## Ĝemelaj urboj

Ĝi tenas bonan rilaton kaj interŝanĝon kun multaj landoj, i.a. ĝi havas ĝemelan rilaton kun Pekino kaj Hongkong en Ĉinio, Manila en Filipinoj, Toulouse en Francio, Jakarta en Indonezio, Isfahan en Irano, Fukuoka-gubernio en Japanio, Phnom Penh en Kamboĝo, Seoul en Korea Respubliko, Varsovio en Pollando, Moskvo en Rusio, Bankoko en Tajlando kaj Ankaro en Turkio. VEA prenas agadon de ĝemelaj urboj kiel unu

el la laboroj, tiucele starigas respondeculon, nome s-ro Nguyen Xuan Thu, kaj akcelas efikan kaj aktivan kontakton inter esperantistoj en Hanojo kaj Toulouse, klopodas por konkretigi la ĝemeliĝon inter Hanojo kaj Val-de-Marne en Francio.

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

### Vizito al la ĝemelurbo



En 1988 ĝemeliĝis la du urboj Lublin en Pollando kaj Nancy en Francio. En oktobro 2011 s-ro Jean Luck Thibias, delegito de UEA en Nancy, vizitis sian filinon, kiu estas studanta lingvojn en Lublin. Dum la restado li renkontiĝis kun tieaj esperantistoj. Ili ambaŭ tre ĝojis pri la renkontiĝo kaj pensis pri daŭraj kontaktoj inter esperantistoj de la du urboj. Tio estas legebla ankaŭ en la de Lublina esperantista retejo http://www.lublino.net76.net/ (Foto: de maldekstre Stanisław Rybicki, Jean-Luc Thibias kaj Melanie)

Stanisław Rybicki

## SERVA PLATFORMO

### Sendu gratulajn poŝtkartojn al la urbestr(aro)



Vespere la 1-an de marto 2012 la urbestraro de la sudfranca Verniolle (inter Tuluzo kaj Andoro) diskutis pri papera propono de s-ino Simonne Pons-Moulis kaj s-ino Herminia Puigsech-Muñoz, du honoraj prezidantinoj de la Esperanto-organizaĵo Arjeĝuja Rondo de Esperantista Studado (ARES), je la nomumo de iu placeto （vidu foton） kiel la Ĝardeno de Esperanto, kaj unuanime akceptis ĝin, decidis ke okazu la inaŭguro en la 16-a de septembro 2012. Tio ankaŭ rezultis el la persistema prezento de la neesperantista subtenantino s-ino Henriette Mandement. Por festi la inaŭguron gratulaj poŝtkartoj el la tuta mondo al la urbestr(ar)o estas bonvenegaj ĉe la adreso: M. le MAIRE de VERNIOLLE, MAIRIE - URBO-DOMO, FR-09 340 VERNIOLLE, FRANCE kaj ĉe la retadreso: verniolle.mairie@wanadoo.fr  La urbestro estas s-ro Robert Pedoussat.

Por montri diversecon kaj anonci al la gazetaro ARES faros statistikon kaj tradukon de la poŝtkartoj, espereble la sendantoj samtempe informas ilin pri la dulingva (nacia kaj Esperanta) teksto kun la loĝurbo-nomo kaj profesio ĉe la retadreso: esperanto.ariege@free.fr

Verniolle ne havas ĝemelurbojn, sed tio povos instigi pliajn loĝantojn al lernado de Esperanto se iuj nefrancaj esperantistoj ŝatos proponi en la gratul-mesaĝoj al la urbestro ĝemeliĝon de siaj propraj urbetoj kun Verniolle.

# Funkciuloj de la projekto

S-ro Probal DASGUPTA , prezidanto de UEA
S-ino Maritza GUTIÉRREZ GONZÁLES, estraranino de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo BULLER, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro WU Guojiang, komisiito de la projekto

Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj
Redaktoro: s-ro Wu Guojiang, Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008, Fushun Liaoning Ĉinio; Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
Provlego: s-ro Robert BOGENSCHNEIDER, retadreso: robog@gmx.de